# PRI LA EKSTERTERANOJ
# EN LA POEMO DE UTNOA
# KAJ EN ĜIAJ SCIENCFIKCIAJ FONTOJ

A. Montagut

2.1.

Kiel aludite, tri monatojn post la recenzo de Jouko Lindstedt, aperinta en oktobro 2023, kaj de la citita dialogo en Literatura Babilejo, mi prezentos pli da detaloj pri la scienc-fikcia flanko en la PdU.

Ĉi-sekve mi transkribos la plenan tekston de mia letero sendita al Giulio Cappa antaŭ proksimume tridek jaroj, en februaro 1994. Parto de la letero, en kataluna traduko, aperis pli frue en anekso de la prozforma katalunigo de PdU eldonita en 1996 sub la titolo "La gesta d'Utnoa".

2.2.

Letero sendita al Giulio Cappa en 1994, okaze de lia traduko de specimeno el la PdU por itallingva antologio de sciencfikciaj aŭ fantastaj tekstoj originale verkitaj en esperanto. Ĉi tiu angologio aperis en aprilo tiujara, sub la titolo *La lingua fantastica*:

Giulio Cappa
via A. […]
IT-11100 Aosta

Abel Montagut
[…]
ES-25460-Cervià
Catalunya

1994 02 15

Kara Giulio,

Bonorde mi ricevis vian leteron el 1994 02 01. Dankon pro via akurateco min informi. Via traduko nun ŝajnas al mi, malgraŭ miaj malprofundaj konoj pri la [itala] lingvo, plene taŭga.

Koncerne la aldonon de "Daa-35": mi deziras klarigi ke ĝenerale pri la tuta verko mi ne petus reliefan aperigon de tiu nomo, ĉar, kiel vi esprimis en via letero el la 27a de decembro pasintjara, la aŭtora verkado konsistas ĉefe en la ordigo, "la graveco de formo, reordigo kaj rekoncipo ege superas la eventualan alprenon de jam ekzistantaj epizodoj."

Tamen ĝuste en tiu fragmento elektita de vi la plejmulto estas ne mia; plejparte temas pri laŭvorta elpreno (esperantigita) el dokumentoj troveblaj en diversaj libroj. Pli precize, la "vortoj de Govuo" (kiuj konsistigas preskaŭ trionon da versoj el la elektitaĵo) estas teksto tute ne mia, sed laŭvorta el la tiel nomataj "TAAU" ("alineoj") de Ummo. Mi prikonsideris tiujn tekstojn kiel literaturan materialon, tute sendepende de ilia hipoteza deveno. Jen la fonto: *Escritos de Ummo* (kvin volumoj), kompilitaj kaj broŝure eldonitaj de J.M. Aguirre, Madrid, 1981. Krome, ankaŭ la priskribo pri la amorado, krom detalaj ŝanĝoj kaj aldonoj, estas el tiel nomataj "Ummo"-anaj fontoj, aperintaj, krom en tiuj *Escritos*..., en libroj de pluraj aŭtoroj, kiuj ne atribuas al si mem la aŭtorecon, ekz-e en Antonio Ribera, *Ummo informa a la tierra*, Barcelono, 1987, pp. 86-88.

[[Noto en 2024: Ĉi tiuj informoj estas menciataj inter la Fontoj de la PdU sur paĝo 201 de la originala eldono, krom ankaŭ sur la reviziita eldono kaj en ĉiuj tradukoj, sub la titolo: Ieree 19 k.a., *Informoj de Ummo*]].

Temas pri kelkaj el la multaj libroj kiujn mi prikonsultis kun ekskluzive literatura celo: mi ne estas fanatikulo pri tiaj temoj, aŭ pri la *Biblio* k.c. Sed eble inter la legantoj de sciencfikcia antologio troviĝos konantoj de tiuj fontoj. Tial mi sentis la neceson peti ĉi tie, por tiu ĉi specifa fragmento, la indikon de la nomo "Daa-35", kunmetita laŭ la stilo en tiuj dokumentoj, por honesti rilate al mia ĉi-teksta aŭtoreco. Leganto kiu eĉ se nur hazarde konus la menciitajn dokumentojn (aperis priinformoj almenaŭ en la angla, franca kaj hispana) povus rajte riproĉi min pri nura plagiato. La aŭtoreco de Poemo de Utnoa videbliĝas en ĝia tuteco, en la interplektiĝo de personoj kaj faktoj ktp., sed tio ĉi ja ne povas aperi en la antologiita specimeno kaj pro tio mi ne deziris prezenti min kiel "solan" aŭtoron de tiu difinita fragmento. Mi pensis ke ĉar temas pri sciencfikcia antologio tiu aldono ne malkongruus, kvankam mi tute samopinias ke oni laŭeble evitu strangaĵojn kaj mi bedaŭras ke mi kaŭzis al vi "malkomforton". Mi esperas ke tio kuntrenis neniun problemon rilate al la eldonisto.

Nu, mi deziras rakonti al vi pri pluraj aspektoj de la verko kun la celo iom svenigi tiun malkomforton: vi scias ke ofte verkisto alprenas specifan perspektivon aŭ personecon por rakonti aŭ priskribi (ekz-e viro povas rakonti mi-persone kvazaŭ virino; nuntempulo kvazaŭ mezepokulo, ktp., same kiel mi alprenis tiun de la fikcia "Cide Hamete Benengeli" en la novelo legebla en "La Gazeto" n-ro 41, jun92)). Do en la nun pritraktata verko mi alprenis la perspektivon de eksterterano, kvankam, kiel vi povis konstati, ĝi ne estas facile rimarkebla, kaj temas pri sufiĉe tereca aliplanedano. Mi esperas ke tio ne konfliktos kiel troa strangaĵo: en multaj sciencfikciaj verkoj tio estas trovebla (kvankam laŭ mi Poemo de Utnoa ne estas sciencfikcia verko aŭ epopeo). Tamen mi povas aserti ke ĉi tiu perspektivo estis alprenita de mi ne jam dekomence aŭ arbitre, sed ĝi montriĝis tute necesa por kunligi ĉiujn erojn de la rakonto kaj do por povi efektive verki la poemon.

Mia unua "inspiro" kaj emo estis envortigi, baldaŭ pere de epopeo, la internajn sentojn de homo, kiu travivas "kontraŭajn" spertojn; de homo kiu esence travivis ĉies spertojn, pozitivajn kaj negativajn, laŭlonge de la tuta historio kaj laŭamplekse de la tuta geografio, do "kvintesencon" de homo. Sekve, preskaŭ la unua ideo pri la poemo, en embria formo, estis la du transvojaĝoj aperantaj en kantoj 5a kaj 7a. Tion mi konceptis fine de aprilo 1982. Kun la

tempo mi iom pli precizigis la vivospertojn de tiu homo, unuavice Noa, kvankam mi provis ankaŭ per aliaj "famuloj", kiuj povus prezenti homon por ĉiu homo, trans naciecoj kaj kulturoj.

Tamen leviĝis la problemo: kiel povus okazi tiu identiĝo de la ĉefrolulo kun la spertoj de ĉiuj homoj, ĉu pozitivaj ĉu negativaj? Kiel Noa povus samtempe esti kaj Gotamo kaj Hitlero... kaj vera memstara homo? Aŭ kiel li povus tion funde trasperti? Necesis iaspeca spirita vojaĝo pretertempa. Sed ankaŭ nepris ke ĝi estu vere kredebla por mi kaj por la leganto/aŭkultanto. Jen do la tubero en la afero: kiel mi, Abel Montagut, iele povus reale scii pri tiaspeca homo, Noa, prapasintulo, kaj pri lia transvojaĝa subkonscia sperto. Ĉu iu -ĉu unuavice mi mem- kapablus kredi la rakonton pri okazintaĵoj de praepokulo (pri kiu oni transdonis nur mitaĵojn) kaj krome pri liaj animaj, eĉ preterkonsciaj, spertoj, se li mem ne komunikis ilin kaj eĉ neniam eksciis pri ili?

Necesis rimedo. Mi esploris pri la teorio de hipnotismo k.s. dum pluraj monatoj... Do, ĉu mi hipnotece konintus la subkonscion de pratempa homo? Eble jes. Sed tio solvis nur parton de la kredebleco: la internan, subkonscian; sed ne tiun eksteran kaj eĉ ne tiun preterkonscian. Necesis intrigo, ĉar nepris ke tiu homo aperu kiel vera, verimpresa, alimaniere neniu povus identiĝi kun li kaj la tuto disfalus.

Gravis alia aspekto: de frue mi pensis ke necesos "diaro", kiel en la klasikaj epopeoj. Aliel, la rakonto fariĝus plata, sendimensia. Tiu "diaro", simile al la referencitaj, lud[u]s kvazaŭ pretertempaj estaĵoj, liverante la eblecon objektive kaj deekstere analizi la homajn farojn, por povi pli funde kaj transtempe fiksi kaj kompreni la homan esencon. Deprenu de Iliado aŭ de Eneado la diojn kaj iliajn intervenojn, kaj la rakonto perdos, krom variado, unikan dimension/perspektivon.

Do, pro la epopea tradicio kaj pro la taŭgeco de tiu duobla perspektivo (kiun mi kredis interpreti post sufiĉe da legado) mi bezonis la eneston de "diaĵoj". Unue mi esploris kaj provis rilate al la mezopotamiaj dioj, sed mi ne sukcesis ilin vivigi, eĉ se mi kunmetis iliajn nomojn kaj la koncernajn historiojn surbaze de la multaj variantoj. Mi provis ankaŭ per ia trans- aŭ komune-religia diaro, sed ĉiuj provoj malkonvinkis min. Plurfoje mi senesperis kaj pensis ke tiu entrepreno (nuntempa tuthomara epopeo) ne plenumeblas. Poste mi esploris: kiuj estas <u>nuntempaj</u> kaj laŭeble tutmondaj mitoj? Ĉu eble kinsteluloj, politikuloj, popularuloj: ekz-e Gandhi, Kennedy, Martin L. King...? Ĉu ili povus roli kvazaŭ nuntempaj universalaj diaĵoj? Ankaŭ ĉi-rilate mi ne sukcesis kunmeti kredeblan dian mondon. Nur tiam mi ekpensis pri la "eksterteranaj" informoj. Mi aĉetis librojn, revuojn, legadis, televidumis... same kiel antaŭe kaj poste mi faris pri la ceteraj esplorindaj temoj. Mi rimarkis ke ĝuste tio povus prezenti nuntempan mitaron kaj diaron, por tiel diri, "neŭtrale internacian", ĉar apartenanta al neniu difinita popolo. Kiel vi povas supozi mi legis multajn absurdaĵojn, sed mi retenis nur tion kio kongruis kun mia literatura intenco. Heŭreka: mi rimarkis ke kelkaj el tiuj informoj, sendepende de ilia atribuata origino, plene taŭgas por mia celo: ili estis literature kongruaj. Ekde tiam la afero sukcesis profiliĝi: tiu perspektivo koherigis la tuton: 1."dia" mondo; 2.ebleco aliri la pratempan historion de Noa kaj liajn preterkonsciajn spertojn; 3.mia ebleco ĝin ekkoni.

La informoj devenus de tiutempaj eksterteranoj superrigardintaj kaj diversmaniere registrintaj la praokazaĵojn; ankaŭ, kaj ĉefe, la transvojaĝoj de Noa koneblus kaj parte ekestus dank'al ilia interveno. Tiuj informoj estus laŭlonge de la tempo transdonitaj al nuntempaj eksterteranoj. Fine, mi mem ne povintus interpreti la mesaĝojn kaj legi ilia-lingvajn dokumentojn. Do, nude kaj konklude, laŭ logika ĉeno, necesis nuntempa

eksterterano (kun ties propraj motivoj) kiu disponigus al mi la tekston en lingvo de mi komprenebla... (tial la enkondukaj folioj).

Vi vidas ke por mia celo mi nepre bezonis ke ĉiu ero estu kredebla kaj logike kohera unuavice por mi mem. Alimaniere mi ne kapablus verki la libron: mi bezonis kredi vera la historion de Utnoa - aŭ ĝi ne impresus vera, viva, kaj se tiel ĝi ne atingus sian celon, mi ne sukcesus esprimi mian esprimendon.

Tamen, ĝis ĉi tie, vi diros, estas neniu problemo, ĉar tute libera alpreno de perspektivo estas literatura rimedo plene akceptita kaj normala. La problemo estas la insisto pri tiu aŭtoreco eĉ ekster literatura kadro. Nu, tio ŝuldiĝas al la maniero laŭ kiu mi verkis: elpreni ĉiun taŭgan fragmenton por la rakonto, eĉ laŭvortajn kaj eĉ sufiĉe longajn kun minimumaj ŝanĝoj, kiel, laŭ miaj esploroj, okazis en la klasikaj epopeoj. Tion rajtas fari neniu nuntempa verkisto, se li ne volas esti akuzata pri plagiato.

Vere mi ne aŭdacas prezenti ĉi tiun verkon tute simple kaj senpere kiel mian, ĉar en la nuntempa senco de la vorto ĝi verŝajne ne povus estis konsiderata kiel efektive mia. Kvankam finfine mi eble devos alpreni la sintenon "rekoni" mian aŭtorecon, aldonante ke mi verkis per prunteprenoj, kiel en alitempaj epopeoj.

Ĉu vi opinias ke mi povus sendanĝere tion "agnoski", almenaŭ por la tuta libro?  Enestas multe da alprenitaj fragmentoj -kio normalis en ekz-e la mezepoka literaturo kaj en la pratempaj epopeoj, sed nuntempe tio skandalus kritikistojn aŭ legantojn kiuj tion senaverte malkovrus. Tial, ankaŭ por preventi tiun ŝokon, mi deziris iamaniere substreki ĉi tiun aspekton, des plie en fragmento kiel tiu tradukita de vi, ĉar, kiel dirite, pli ol la duono estas laŭvorte kaj laŭfraze ne-mia.

Post tio: ju malpli da strangaĵoj -prave, kaj ne ĉio kion mi skribis al vi ĉi tie necesas esti konata de leganto - sed eble jes de plenkonscia tradukanto, kiu iasense estas re-verkisto. Tial mi deziris rakonti ĉi tion al vi, kiu  entreprenis alilingvigon.

Altestime kaj dankante vin,

Abel Montagut